# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **27/04/2013 Cent naŭa Eldono 27/04/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Aŭskultu **Retradion en Esperanto ĉiun tagon**

Informaj rakontetoj, Bona lingvo, **Programlisto** 21.04.13)



La homoj plidikiĝas - kaj tial flugkompanioj ricevas problemojn. Unu el ili en Samoa nun prezentas simplan solvon: La prezo por la flugbileto dependas de la korpa pezo. "Decidu mem kiom vi pagas", estas la reklamslogano.. (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

**La Manlia Esperanto-Klubo**. unua kaj tria Sabato. 10atm Roger Springer 02 9976 0632

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafklubo Kvara Sabato 3ptm

Esperanto-Grupo de Centra Marbordo Dua Dimanĉo 2ptm

La Tasmania Esperanta Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto Kafo Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo Sidnejo Lasta Dimanĉo 12tm Roger Springer 02 9976 0632

Torkio Esperanto Kafo Klubo – Viktorio Lasta Dimanĉo 12tm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio (La Adelajda Esperanto-klubo.)

Adelajda Esperejo unua merkredo 08 8242 1460

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Australia Meetup group.

**Sydney Language Festival 2013**

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO

SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO

MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO

GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ

MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO

TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

## La Brisbana Esperanto-Societo

Adreso P. Danzer BES PO Box 1096 Morayfield Qld 4506

Nova estraro Prezidanto Kay Anderson 07 3848 4428

Kasisto/Sekretario Peter Danzer danzer@optusnet.com.au 0402 766 557

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu deziras forgesi?

# Opinio/penso de la Kasist(in)o de AEA,

Antaŭ kelkaj monatoj aperis en AE demando pri la financ-stato de nia Asocio. En Junio 30 '07 la bilanco estis $314,715, kaj en Junio 30 '12 ĝi estis $203,601. Tio signifas perdon de pli ol $110,000. Tre bedaŭra afero.



Ŝajnas ke 'oni' pensas ke mi devas eltrovi/klarigi kiel ni perdis tiom da mono.

Mi diras nun ke mi **NE** povas/volas fari tion. Mi nur respondecas pri la AEA financoj ekde Okt.1 '12

Kiam mi akceptis la kasistan postenon mi sciis ke ĝi estos iom pli komplika ol tiu de la aliaj (voluntulaj) kasist-postenoj kiujn mi ĝis

nun faris. Sed estis tute neatendite la ĥaoso kiun mi heredis!  Unu el la problemoj estas ke la AEA financoj de la lastaj 2 jaroj estis traktitaj en Kvinslando kaj antaŭ tio en Viktorio (mi loĝas en S.A.) Estas tre malfacile, por mi almenaŭ, havi klarigojn pere de la reto. Mi kulpigas neniun pro tio, nur volas klarigi mian situacion.

Dua problemo por mi estas ke mi ŝajne devas fari ĉion rete kaj por prezenti la financ-raporton rete mi devas fakte ekscii/lerni pri librotenado!. Mi **ege malkontentas pri tio**, certe je mia aĝo estas bone lerni novajn taskojn sed ne pri io kio tute ne utilas en mia vivo. Fakte mi elspezas pli da tempo pensante/zorgante pri la kasist-situacio ol io-ajn. Mi komencas pensi ĉu mi vere volas daŭrigi en tiu posteno!

Alia ĉagreno- jam aperis en AE diversaj leteroj pri tio **kio okazis al kiu** jam antaŭ 5 jaroj. Denove ŝajnas ke 'oni' pensas ke la nuna estraro devas trakti la diversajn plendojn/problemojn kiujn ili havas. Kiel estrarano mi ne pensas/volas eniri en tiajn senĉesajn  problemojn. La estraro skajpe renkontiĝas ĉiujn 2 semajnojn kaj ni kutime havas multon por priparoli/aranĝi, ne restas tempo por trakti 'personajn' problemojn!

Karaj, ni estas tiom malmultaj, ĉu ni daŭre nepre devas kvereli anstataŭ kunlabori por disvastigi Esperanton?  Mi pensas ke nia Majstro sciante pri niaj agadoj 'turniĝos en sia tombo' -Nicole, ĉu vi scias la taŭgan Esperanto esprimon por tio?

INDRANI

## Vintra Lernejo en Junio



Mi volus anonci la instruistojn por la Sheidow Parko Vintra Lernejo, kiu okazos dum la Reĝina Longa Semajnfino en junio. Ĉi tiuj estos Brodie, baznivelaj, Brendan Linnane la meznivelaj kaj Trevor Steele, altnivelaj. Mi antaŭĝuas gastigi multajn el vi en mia lernejo en junio.
Gordon Coleman

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa,  sed bonvena







AE108 estas treege interesa (speciale la kontribuoj de Volo :))
Dankon,  Vera

# ESPERANTO:

Karaj geamikoj,

Saluton kaj bondezirojn! Mi scias ke, kiel mi, vi estas dankema al doktoro Zamenhof por la mirinda donaco kiun Li donis al la homaro antaŭ multaj jaroj en epoko tre malsama al tiu en kiu ni vivas.

Esperanto disvastiĝis tre rapide tiam konsiderante ke ili ne havis la ilojn kiujn ni havas nun: nur ordinarajn skribilojn kaj paperon. Kiel kurioze!

Kiel plej multaj el vi scias mia Esperanto-kapablo ne estas la plej bona ĉar mi ŝajne estas la tipa ekzemplo de unu-lingva malrapida lernanto. Tamen mi provas. Mi scias, ke mi testas la paciencon de mia kara amiko Max! Mi estas ege dankema al li pro la granda helpo, kiun li donas al mi kiam li korektas mian tre mallertan Esperanto-skribadon tamen mi provas skribi tiun-ĉi leteron sen helpo kaj ĉiuj eraroj estas miaj.

Mi tajpas tion por instigi vin ĉiujn kontakti viajn lokajn lernejojn por demandi ilin, ĉu vi povus krei Esperanto-klubon dum la tagmanĝpaŭzo. Ĉar la vintro rapide alproksimiĝas multaj lernejoj serĉos ideojn por okupi la infanojn dum la paŭzo kaj la propono de senpaga klubo povus esti bonvena.

Vi bezonus rajti havi polican permeson (ĝi estas deviga en la plejmulto de la lernejoj en Aŭstralio) sed tio estas ĉio. Mi estas certa, ke la AEA prezidanto kaj la Estraro estus feliĉaj provizi ekzempleron de la libro de Stano Marcek, Esperanto per Rekta Metodo kun la KD por helpi vin en la klaso. Ekzistas ankaŭ multaj afiŝoj kiuj estas haveblaj de Okcidenta Aŭstralio kaj ankaŭ gratulmemgluaĵoj.

Kune kun tiuj rimedoj ni ankaŭ havas kelkajn surretajn rimedojn kies adresojn mi feliĉe sendos al vi.

Kaj, kompreneble, la ebleco havi korespondantojn en aliaj landoj estas ankaŭ 'vendo' punkto. Mia klaso tre baldaŭ sendos leterojn al lernejo en Pekino kaj ni komunikos per Esperanto. Vi ne devas simple skribi al unu lando, vi povus elekti iun ajn nombron da lokoj tra la retejo de Lernu.net.

Vi povus ankaŭ provi lokan skoltan grupon 'memorigante' al ili, ke iam estis insigno por Esperanto kaj eĉ Esperanto-kurso speciale por la skoltoj.

Do, bonan ŝancon kaj bonvolu sciigi al ni ĉiuj kion vi atingis.



Gordon Coleman
Direktoro pri Edukado

# Sendu novaĵon al AE.

Estas via Esperanto-familio. Fotoj bonvenaj.



## novaĵoj de malnovaj kursanoj

En 2006 mi instruis Esperanton al komencantoj en la universitato de Novsudkimrujo. Kio okazis al tiuj lernantoj? Unu el ili kiu nomiĝas Grace estas Fejsbuk-amikino de mi. Estas agrable vidi, ke ŝi ne forgesas Esperanton kaj de tempo al tempo sendas al mi mesaĝetojn sur Fejsbuko. Precize hodiaŭ ŝi ree sendis mesaĝon en Esperanto. Bedaŭrinde Grace ne povas veni al niaj kunvenoj, ĉar ŝi nun ree loĝas en la Filipinoj.

Amike, Nicole

La Ŝlosilo (KEY) progresas.
Vera Payne faris kelkajn ŝanĝojn post provlegado kaj ankaŭ Richard Delamore sugestis plibonigojn.
Ambaŭ respondis al mia peto por helpo.
Mi dankas ilin.
Pro la Sidneja Lingva Festivalo urĝas la afero.
Roger Springer




La libroj de AEA alvenis al Esperanto Domo Sabate (Pluvegis). Ili nun estas sur la planko en Esperanto Domo La tasko komenciĝos por pretigi bretojn kaj surbretigi ilin.

## Vortoj de "Lernu"

PROMOCII
Altigi al iu pli alta grado, ofico:
Li promociis min direktoro.
Episkopo volis esti promociita al kardinaleco.
En tiu dokumento temas pri promocio de Esperanto en la mondo.
Ŝi revis promociiĝi ĉe sia laborejo.

STRINGI
Forte ĉirkaŭpremi, ĉirkaŭstreĉi:
La ŝnuro stringis la gorĝon.
La serpento sufoke stringis sian kaptaĵon.
Li stringas sian pafilon.
Mi volas liberiĝi el la stringo de kateno.
Ni longan tempon estis en la stringo de tiu fama dogmo.